# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas», Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**3a jaro** **Marto 1933** **N-ro 23**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# ACTAS DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las diez y nueve horas del día 13 de febrero de 1933, y en el domicilio social de la Asociación (Sagasta, 10 - Cruz Roja Española), se reunió la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros anotados al margen.

Se empieza dando lectura a las actas de los días 9 y 16 de enero último, que son aprobadas por unanimidad.

El señor San Antonio llama la atención acerca de que el acta del 12 de diciembre no aparece aprobada, y con este motivo, causado por un error u olvido en tomar nota de la lectura y aprobación de la misma, toda vez que en la Junta siguiente fué leída y aprobada, se acuerda por unanimidad hacerlo constar así.

El presidente informa acerca del curso experimental para maestros, el cual no ha comprendido el número de maestros que se esperaba por la imposibilidad de asistir éstos a causa de las clases nocturnas de adultos que desempeñan; y que, como el número de asistentes es el de la mitad que se esperaba, esto deja margen para que se haga la misma experiencia en otras tres ciudades, dando a cada una DOS PREMIOS y dejando CINCO para Madrid, proponiendo para realizar esos cursos las ciudades de Córdoba, Orense y Bilbao, por aconsejarlo así las actuales circunstancias, dando en Orense la dirección del curso a D. Emilio Amor Rolán, antiguo y competente heaano, ex director de la Normal de Maestros de dicha capital; interesando de nuestro eminente samideano de Bilbao y vocal regional para Vasconia, dirija las gestiones y decida para establecer dicho curso, y a D. Francisco Azorín, vocal regional de Andalucía, para que haga lo mismo en Córdoba.

El presidente expone el entusiasmo y progreso de los maestros madrileños en el curso, y que éstos se disponen a explicar en breve cursos en sus respectivas escuelas, para así avanzar más en el conocimiento de la lengua y extender inmediatamente la experiencia; por lo cual el presidente propone que, mediante petición escrita de los cursillistas, con explicación de la escuela en donde prestan servicio, manifiesten cuántos folletos «¿Qué es el Esperanto?» necesitan para sus respectivas clases, y que H. E. A. regale a las bibliotecas de estas escuelas los ejemplares que se pidan. Cambiadas opiniones y teniendo en cuenta la gran importancia y significación del deseo de los cursillistas, se aprobó por unanimidad facilitar gratuitamente los folletos solicitados.

Se trató del envío al Internacia Centra Komitato de las cuotas de *miembro simple* en la nueva organización del esperantismo universal de todos los miembros de H. E. A. que han abonado la cuota para 1933, y, además, las cuotas complementarias abonadas por algunos según la categoría en que quieren figurar. Con este motivo se hace presente que, hasta la fecha de hoy, 512 miembros pagaron su cuota de 1933, revelándose con esto la vitalidad de H. E. A. y el entusiasmo y fervor de los heaanos como consecuencia de la conducta que se sigue y labor que se desarrolla.

Se trató del límite para la admisión de proposiciones para el Congreso de Santander, y se acordó por unanimidad que cuantas proposiciones se presenten han de ser recibidas por la Junta Central Ejecutiva antes del 31 de mayo de este año, aconsejando a los que presenten proposiciones que las certifiquen con acuse de recibo, para evitar toda clase de incidentes, asegurar así la llegada y tener documento comprobatorio de haberlo hecho oportunamente.

Se confirma por unanimidad sea bordada la bandera con el título de la Asociación.

Y faltando tiempo para tratar el asunto de la Comisión para llegar a una organización del frente único esperantista español, se acordó convocar a Junta extraordinaria para el viernes 17, a las seis y media de la tarde, en el local de H. E. A. (Chinchilla, 2), para tratar este asunto y los que hubiesen surgido hasta esa fecha. Levantándose la sesión a las veinte y veinte de este día.

El Vicesecretario, *Jacinto Martín.*—V.° B.°: El Presidente, *J. Mangada Rosenörn.*

* * *

Asistieron el tesorero, D. Julián Sosa, los vocales de Castilla la Nueva D. José Artigas y D. Carlos de San Antonio, el bibliotecario D. José Buzón, con el presidente y vicesecretario, estando representado, según escrito, D. Mariano Mojado por el presidente. Sin voz ni voto asistieron D. Ricardo Moreno y otro consocio que no se nombra por no haberse tomado nota de su nombre.

---

En Madrid, a las diez y ocho y media horas del día 17 de febrero de 1933, en el local de la oficina y clases de la Asociación (Chinchilla, 2), se reunió la Junta Central Ejecutiva para cumplir el acuerdo que figura en la parte final del acta anterior.

El presidente, previamente expone algunas consideraciones acerca de la práctica que, por cordialidad y sentimiento democrático en ella, viene empleando en la celebración de sus Juntas, admitiendo en ellas,

aunque sin voz ni voto, a cuantos miembros de H. E. A. quieran asistir; pero como esta concesión ha dado lugar a intervenciones que, por cordialidad y cortesía, fueron escuchadas, pero que motivaron pequeños incidentes, originados, no cabe dudar, con la más buena fe, en evitación de ellos y de lo desagradable que pudiesen arrastrar, el presidente llama la atención sobre la conveniencia de que las Juntas se celebren en lo sucesivo con asistencia exclusiva de los miembros de la Directiva.

Puesto a deliberación el asunto que motiva la Junta y cambiadas algunas impresiones en que intervienen los señores San Antonio, Artigas, Sosa, el presidente, el vicesecretario y hasta el miembro de H. E. A. asistente D. Ricardo Moreno, y no obstante estar acordado por Juntas anteriores el texto de cuanto separadamente de la Revista se ha de publicar sobre el desarrollo de la Comisión para llegar a un frente esperantista único en España, guiados todos por un deseo de no herir sentimiento alguno, se procedió de nuevo a la lectura de los textos, modificando algunos conceptos, que, aunque inocentes, pudieran dar lugar a interpretaciones equivocadas que pudieran originar molestias por ligeras que fuesen; quedando dichos textos en la forma con que han de publicarse para conocimiento exacto de los heaanos acerca del acuerdo del último de nuestros Congresos que nombró la Comisión a que se alude. El acuerdo se tomó por unanimidad.

Y no habiendo más asuntos que tratar, se levantó la sesión a las veinte horas y quince minutos de este día.

El Vicesecretario, *Jacinto Martín*.—V.° B.°: El Presidente, *J. Mangada Rosenörn.*

* * *

Asistieron el presidente, D. Julián Sosa, D. Carlos de San Antonio, D. José Artigas, D. Emilio del Barrio y el vicesecretario, estando representados el vicepresidente D. José Perogordo y el secretario D. Mariano Mojado. También asistió el miembro de H. E. A. don Ricardo Moreno.

---

## KONCERNE NOVORGANIZON

### La situacio ankoraŭ komplikiĝas

Internacia Centra Komitato en Ĝenevo informas, ke laŭ la traktadoj inter la direktoro de U. E. A., S-ro. Jakob kaj S-roj. C. C. Goldsmith kaj M. C. Butler, administranto kaj sekretario respektive de la Brita Esparntista Asocio en Londono, ĉi tiu Asocio, per cirkulera

letero de la 11ª de januaro (laŭ ĉi gazeto aperigis per sia januara numero) de ĉi jaro, konigis interkonsenton rilate la novorganizon, konsistantan el 8 proponoj, *kiujn S-ro. Jakob opiniis akcepteblaj por la estraro de U. E. A., promesante respondon post du semajnoj*. La Brita Esperantista Asocio konigis la punktojn al I. C. K. por konsidero. Ĉi tiu ilin tuj konigis al siaj membroj.

La prezidanto de U. E. A., S-ro. Stettler, okaze de speciala vizito al la oficejo de I. C. K., la 19an de januaro, persone sciigis la jenon pri l' afero:

Iª. La direktoro de U. E. A., S-ro. Hans Jakob, parolis kun la Brita Esp.-Asocio pri kotizdemandoj, k. t. p., sed absolute *neas esti farinta tian interkonsenton* en Londono.

IIª. *U. E. A. ne povos akcepti interkonsenton, laŭ la teksto, sendita de la Brita Esp.-Asocio sur bazoj de la Londonaj priparoloj al ĉiuj naciaj societoj.*

IIIª. *U. E. A. ankoraŭ skribe konfirmos la neakcepton.*

Estas bedaŭrinde, ke U. E. A. sin montru tiele, ĉar estas nekompreneble, ke S-roj. Goldsmith kaj Butler, tre spertaj kaj fidindaj samideanoj ĉiam celantaj la triumfon de nia idealo, ĉiam lojalaj kunlaborantoj de nia tutmonda movado kaj entuziasmaj kaj fidelaj al U. E. A., estu povintaj tiel alpaŝi al kontentiga solvo pri novreorganizo sen bazo por tion fari, ĉar la seriozeco de ambaŭ S-roj. estas tute konstatata. Tamen ni ne perdu la esperon pri la solvo, sed konvene estas konigi ĉion por ke la samideanaro formu sian opinion.

* * *

## DE LA BRITA ESPERANTISTA ASOCIO POR LA INFORMO DE LA NACIAJ SOCIETOJ

### KOPIO

U. E. A.—1, Tour de l'Ile, Geneva, Switzerland.

2 Februaro 1933.

Tre Estimataj Samideanoj: Ni konfirmas la ricevon de via letero de la 24ª de Januaro, rilate al via afabla vizito al nia oficejo la 9an de Januaro, kaj al la proponata interkonsento, kiun ni tiam priparolis por la ebla kuniĝo de U. E. A. kun la landaj societoj.

Via kompleza sinteno dum la tuta kunsido kaj via promeso favore meti la proponojn antaŭ via estraro, esperigis nin pri baldaŭa fino al la bedaŭrinda divido, kiu jam tro longe malhelpas la progreson de nia komuna afero.

Vi nun skribas, ke la skribita propono «ne korespondas kun tio,

kion ni priparolis», kaj denove: «ĝi neniel respondas al la konversacio kiun ni havis.»

Al tio ni respondas jenon. Vi nin vizitis neformale, kaj esprimis deziron, ke ni faru interkonsenton ĝeneralan kaj tute neoficialan: vi ĝin angle nomis «a gentlemen's agreement». Vi diris, ke ĉar vi devos tuj forkuri, vi petas, ke post via forkuro ni mem resumu skribe kaj malmultvorte la punktojn, pri kiuj ni interkonsentis, kaj sendu ilin en ok kopioj al Ĝenevo. Ni do kunparolis sen oficiala protokolo. Tamen, dum la kunveno S-ro Goldsmith skribe notis la punktojn interkonsentitajn. Tuj post via foriro li maŝinskribis la notojn. Ni ĉiuj kontrolis la dokumenton, kaj deklaras formale kaj senrezerve, ke, laŭ nia konvinko, tiu dokumento ĝuste prezentas la konsentitajn proponojn (inkluzive de punktoj 2 kaj 6). Vi diris al ni, ke vi persone konsideras la proponojn akceptindaj de via estraro kiel priparolebla bazo por interkonsento. Vi aldonis, ke persone kaj neoficiale vi kredis, ke verŝajne ili ricevos aprobon.

Ni ja komprenis, ke vi mem ne rajtis oficiale pritrakti la proponojn, kaj ke definitiva decido restos kun via estraro. Same, ni diris, kaj vi komprenis, ke ni ne rajtas mem paroli nome de la aliaj anoj de U. F. E. Pro tio, estis necese, kaj tion ni diris al vi, kaj vi ĝin konsentis, ke ni tuj sendu ankaŭ al ili kopion de la proponoj, ĉar tion ili rajtis havi. (De sufiĉe multaj societoj ni jam ricevis gratulajn kaj aprobajn leterojn). Ni ne povus anticipi ke *du semajnojn poste* vi skribos, ke ni malĝuste vin komprenis. Tial, ke ni havas klaran kaj precizan memoron pri nia kunsido, ni estas per via nuna prezento de la afero konsterne mistifikataj. Ĉu vere, la S-ro Jakob kiu skribis al ni el Ĝenevo, estas la sama, kiu vizitis nin en Londono?

Vi diras, ke la ĉefa demando diskutata de ni estis la situacio en Britujo, kaj nia deziro ke ĉesu supozitaj atakoj en nia lando. Tion ni ne konsentas. Pri la situacio en Britujo ni ne estas maltrankvilaj: ni ne dubas, ke niaj membroj sufiĉe solidare aprobas la agadon de nia Konsilantaro. Sed ni deziris, kaj deziras, por la bono de la Esperanta movado, ke en ĉiuj landoj ĉesiĝu la polemikado kaj la malpaco, por ke unuanime kaj unuorganize ni batalu kune por la komuna celo. Tion celis niaj proponoj. Por ni do la nepre ĉefa afero estis la amika interkonsento, kaj la kunvoko de Konferenco en Ĝenevo, el kiu oni povus esperi, ke venos feliĉa kaj forta unuiĝo.

Vi diras, ke la sinteno de la U. E. A. estis konata al ni. Permesu, ke ni memorigu al vi, ke ne ĝis 30 Januaro aperis la numero de «Esperanto» en kiu via komitato respondis al I. C. K. (ŝajne, nenian respondon vi donis rekte), kaj ni ĉiam atendadis iun respondon,

kiu sciigos al ni vian sintenon. Eĉ nun oni ankoraŭ atendas de U. E. A. pozitivan proponon por solvo de la problemo.

Responde al via lasta paragrafo. Kompreneble, vi rajtas dissendi al la landaj societoj kopiojn de via letero al ni. Ni jam informis ilin, ke la konversacio atingis nenian rezulton. Ĉiuokaze, ni sendos al *Heroldo de Esperanto* kopion de via letero kaj de ĉi tiu respondo.

Bonvolu akcepti niajn salutojn samideanajn, BRITA ESPERANTISTA ASOCIO.—Subskribite: *Robert Robertson*, prezidanto; *M. C. Butler*, sekretario; *C. C. Goldsmith*, administranto.

---

## PAROLOJ DE PICCARD

La tutmondfama svisa Profesoro S-ro· Kipfer Piccard havis mallongan dialogon kun S-ro. Emile Houbart, direktoro de *La Movado*, okaze de restado de la profesoro en Parizo por fari prelegon pri la vojaĝo al la stratosfero, en la Salonego Pleyel, pro invito de la «Club Alpin» kaj de l' «Aéro-Club de France».

S-ro. Houbart sin turnas al la profesoro dirante: —Sinjoro profesoro, kun granda intereso mi sekvis vian tre instruan prelegon, kaj inter aliaj punktoj, mi memoras pri via aserto, ke post tempo pli aŭ malpli longa, aeroplanoj atingos rapidecon de 600 km. hore, rapideco kiu estas tiu de l' sono, kaj kiun ili ne povos superi tiam la Tero fariĝos ankoraŭ malpli granda, kaj en kelkaj horoj, oni povos viziti plurajn landojn. Sed pri la lingvoj?... Senkulpigu min, sinjoro Profesoro, sed vi estas eble la sola homo en la mondo, kiun tiu demando ne povas interesi, ĉar vi kutimas vojaĝi en alteco, en regionoj, kie oni ne bezonas scii lingvojn, tial ke tie ne estas loĝantoj.

La profesoro bonhumore respondas: —Jes, sed povas okazi, ke oni fine atingas planedon, en kiu Esperanto estas parolata.

—Vi pravas, sinjoro Profesoro, sed en tiu okazo, ĉu vi povus respondi en tiu lingvo?

—Ho, ve! Tute ne. Tamen, serioze, mi konsentas, ke en la scienca kampo, Esperanto povas fari grandajn servojn, dank' al la rapida interkompreno de la sciencistoj en la mondo, kaj la facila esploro de la diversnacia dokumentaro. Jes, mi estas favora al Esperanto, mi deziras ĝian disvastigon en la mondo, kaj permesas al vi tion rediri...

(*El* «*La Movado*»).

## NEKROLOGO

Je la ĵus pasinta decembro mortis en Alicante nia tre entuziasma samideano S-ro. Eulogio Alonso Martín; ĉar li estis agema kaj fervora nia afero havas gravan perdon en ĉi loko, kie esperanto bezonas agemajn samideanojn.

Ankaŭ ĉi tie, en Madrido, la samideanaro funebras pro la morto de nia kunlaboranto S-ro. Ludoviko Ismer, kiu mortis je la jus pasinta januaro. S-ro. Ismer estis juna poŝtoficisto, idealema kaj kompetenta samideano samtempe agema kaj fervora. Grava perdo por la madrida samideanaro.

Ili ripozu pace.

La familioj de la du mortintoj ricevu la sincere koran kondolencon de la Hispana Esperanto-Asocio.

## INTERNACIA UNIVERSITATO

La Internacia Universitato de Santander estis fondata de Hispana Respubliko pro iniciativo de la ministro de Publika Instruado, S-ro Fernando de los Ríos, kaj ĝi celas dum tempodaŭro el dek semajnoj kunvenigi profesorojn kaj studentojn hispanajn kaj fremdajn, kiuj efektiviĝos komunan programon el studoj kaj akcelos, per sia kunvivado, rilatojn de solidareco kaj kamaradeco inter personoj el diversaj popoloj, kiuj sin dediĉadas al intelekta laboro. La Internacia Universitato vokos al siaj aŭloj la plej eminentajn profesorojn de la hispanaj Universitatoj, kaj por aŭdi iliajn instruojn alkuros pli ol ducent universitataj studentoj hispanaj. Tiel oni liveros al fremduloj okazon unikan por kontaktiĝi rekte kun la aŭtentika hispana vivo universitata dum tempo kiam ĉiuj Universitatoj de la Respubliko same kiel tiuj de la aliaj landoj estas fermataj pro la somera libertempo.

Santander estas la sola elirejo de Kastilujo al la maro, kun bonegaj plaĝoj kaj belegaj naturaĵoj kiel estas dirite, kun trankvila ambiento; ĝi estas centro al ekskursoj interesegaj de la historia kaj arta vidpunktoj, kaj ĉio faras Santander'on plej konvena kaj mirinda somerrestadejo kaj samtempe Internacia Universitato.

### INSTALO

La Registaro de la Respubliko cedis al ĉi tiuj celoj la preskaŭinsuleton kaj palacon de la *Magdalena*, antaŭa somerrestadejo de la reĝa familio. Ĉi palaco situas du kilometrojn de Santander en la supro

de la preskaŭinsulo, de kie oni povas admiri la maron kaj la montarojn, mirindajn panoramojn nekompareblajn. En la preskaŭinsulo staras la palaco kaj aliaj konstruaĵoj, estas densaj pinarbaroj, plaĝo, enŝipigejo kaj arenoj por ludi piedpilkon kaj tenison. La aŭloj kaj loĝejoj estas instalitaj en la palaco kaj najbaraj konstruaĵoj.

## INSTRUOJ

La Somera Internacia Universitato, krom la ĝeneralaj kursoj pri diversaj sciencaj kaj literaturaj celoj por la hispanaj studentoj (kiujn tamen povos partopreni la fremdaj studentoj laŭ propra deziro), prenis sur sin la Kurson por fremduloj, kiun de kelkaj jaroj organizadis la Societo Menéndez y Pelayo, kaj kiu estas tute sendependa kaj aŭtonoma de la aliaj kursoj, kaj kies funkciado estos de la 1ª de aŭgusto ĝis la 30ª de la sama monato de 1933 kaj same eble ĉiujare.

## PROGRAMO

*Historia disvolviĝo de la hispana literatura ĝis la XX jarcento*; profesoro, S-ro Gerardo Diego, de la Instituto «Velázquez», de Madrid.

*Gramatikaj aspektoj de la hispana lingvo, speciale gravaj por fremdaj studentoj*; profesoro, S-ro Dámaso Alonso, de la Centro por Historiaj Studoj, de Madrid.

*Pri hispana Fonetiko aplikata al praktika prononcado*; profesoro, S-ro Tomás Navarro Tomás, direktoro de la laboratorio por fonetiko de la Centro por Historiaj Studoj, de Madrid.

*Nuntempa hispana literaturo*: 1900-1930; profesoro, S-ro Jorge Guillén, de la Universitato de Sevilla.

*Historia priskribo de la hispana arto*; profesoro, S-ro Elías Ortiz de la Torre, arkitekto, prezidanto de la Societo Menéndez Pelayo.

*La aktuala Hispanio: vivo, kutimoj, institucioj,* k. c.; profesoro, S-ro Ignacio Aguilera, kunlaboranto de la Centro por Historiaj Studoj, de Madrid.

*Regulaj ekzercoj por traduko kaj verkado aŭ skribado.*

Ĉiutagaj praktikaj lecionoj al malgrandaj grupoj el lernantoj sub gvidado de spertaj profesoroj, pri

1, Prononcado. 2, Vortfarado. 3, Komentario al modernaj tekstoj.

## FESTOJ

La Urbestraro de Santander, en rilato kun la Universitato, organizos dum la kurso serion el festoj: prezentadon de klasikaj teatraĵoj, koncertojn, poeziajn recitadojn, ekspoziciojn de pentraĵoj, k. c., k. c.

## ATESTOJ

La studentoj, laŭ pruvoj precizaj, povos havigi al si atestojn pri ĉeestado, pri kapableco kaj pri kreditigo.

## PAGOJ

Unika enskribigo, kun rajto profiti ĉiajn instruojn de la kurso por fremduloj, 160 pesetojn. Pagante malgrandan sumon, kiel suplementon, la studentoj povos fari la ĝeneralajn kursojn de la Universitato.

Atesto pri kapableco aŭ kreditigo, 10 pesetojn.

Atesto pri ĉeestado, 5 pesetojn.

## GASTIGADO

Malgranda nombro el fremdaj studentoj povos loĝi en la Palaco kaj Restadejo de la Magdalena.

Kompleta pensio en la Magdalena: 14-17 pesetojn po persono kaj tago.

Kompleta pensio en hoteloj kaj gastejoj de la urbo estas de 10 al 20 pesetoj.

Por rezervi ĉambron en la Magdalena estas nepra antaŭavizo kaj sendi 25 pesetojn.

## INFORMADO

Por peti programojn, detalaĵojn, enskribojn kaj ĉiajn informojn, bonvolu vin turni al *Generala Sekretario de la Internacia Somera Universitato en Santander, strato* MEDINACELI, 4, MADRID. De la 1ª de julio, *al Palaco de la Magdalena*, SANTANDER.

Gazetoj estas petataj represi ĉi artikolon aŭ elĉerpitaĵon el ĝi. En ĉi urbo de la Internacia Somera Universitato, de la 20ª ĝis la 24ª de la proksima aŭgusto okazos la Xª Kongreso de la Hispana Esperanto-Asocio.

---

## AVIZO

**Ĉiuj geinstruistoj, apartenante al Hispana Esperanto-Asocio, kiuj estas pretaj ekklarigi esperantan kurson en siaj respektivaj lernejoj al siaj gelernantoj, povas sin turni al la Asocio per peticio por havigi al si senpage por la kursoj KVINDEK broŝurojn «¿Qué es el Esperanto?» (50 broŝurojn po instruisto kaj kurso). Sed nepre ili informos la Asocion pri la malfermo de la kurso, pri la disvolviĝado kaj pri la rezultato. La kursoj devas celi la interŝanĝo de korespondaĵoj, albumoj, desegnoj, manlaboritaĵoj, k. t. p., post kiam la geinfanoj kapablos uzi la lingvon kaj por ĉi tio, la geinstruistoj petos adresojn de lernejoj al la Asocio.**

# ESPERANTO KAJ LA FRANCAJ INSTRUISTOJ

La Nacia Sindikato de la Francaj Geinstruistoj, apartenanta a la Konfederacio Generala de la Laboro, en Kongreso okazinta en Clermont-Ferrand, la 3-4-5 de aŭgusto de 1932, unuanime voĉdonis:

«I°. Gratuli la Estraron de la Nacia Sindikato pro ĝia iniciato dediĉi en *L'Ecole Libératrice* kronikon por esperanto (1);

II°. Alvoki la membrojn de la Nacia Sindikato fariĝi konsekvencaj internaciistoj dank' al studo de esperanto;

III°. Postuli enkonduki la lernadon pri-esperanta en la lernej-programojn, kontakte kun Internacia Federacio de l'Geinstruistaj Asocioj kaj Internacia Profesia Sindikato;

IV°. Imiti la membrojn de Nacia Sindikato al observo de intimaj kontaktoj kun la Esperantista Grupo en la Unua-Grada Instruado (G. E. E. P.) kaj al sekvo de ties kurso.»

La Unueca Federacio de Sindikato pri Laika Instruado, kunveninta en Bordeaux la 4-5-6 de aŭgusto de 1932 (apartenanta al Unueca Konfederacio de l' Laboro), unuanime voĉdonis:

«I°. Ke ĉiuj geinstruistoj aliĝantaj la Federacion zorgegu studi jam de nun Esperanton, tiel ke ili estu kapablaj instrui ĝin al siaj lernantoj en plej proksima limtempo;

II°. Ke Esperanto fariĝu instruobjekto en ĉiuj lernejoj, kiaj ajn ili estu, kaj ke ĝi rajtu esti elektata kiel dua alilanda lingvo en ekzamenoj;

Komisias la Federacian Estraron interkonsiliĝi kun la esperantistoj de la Federacio por la plenumo de tiuj deziroj, nome por organizado de perkorespondaj kursoj al la geinstruistoj.»

La hispana geinstruistaro devas, do, atenti multe la ĉi suprajn decidojn, kaj sin decidi por starigi Ligon aŭ Fakon de esperantistaj geinstruistoj por entrepreni saman celon en nia lando.

---

(1) *L'Ecole Libératrice* de la 12ª de nov. 1932 (pĝ. 198), enhavas la unuan lecionon pri Esperanto.

---

## —o— —o— PREĜO —o— —o—

Homo eniras en templon kaj ekpreĝas. Kiam li finas la preĝon, li eliras el la templo kaj marŝas tute firme: li iras plenumi sanktan devon.

La deziroj sekvas lin; sed ili ne kuraĝas alproksimiĝi al la preĝinto. La malindaj pasioj celas ataki lin de malproksime; sed ili malsukcesas, kaj hipokrite ili ploras pro sia malsukceso.

Li, dum sia longo vojirado, alportas ĝojon al malĝojanto; konsolon al ĉagrenato; esperon al kulpigito; forton al malfortulo; liberecon al sklavigito...

Li sentas la fremdan doloron, forgesante la propran...

Kiam li sin konsideras ĉiomanka por tia disdonado, li revenas en la templon kaj repreĝas ĝis kiam li sin sentas ŝarĝata de ĉio, kion li denove povos disdoni, kaj tiam li reekmarŝas senŝanceliĝante, ne timante la malvirtojn persekutantajn kaj atencantajn lin; nek la deziron maskitan kaj pretendantan ŝirmi lin per la parfumita vualo de la iluzio; nek la furiozan fieran ambicion; nek la vivon sen espero pri reboniĝo...

Kiuj estos la bonsortaj malkovri tiun templon, en kiu tiu homo preĝis? Tiuj, kiuj kapablos malfermi la pordojn de siaj konsciencoj, kaj elirigi el ili purajn kaj altajn pensojn al la feliĉo de la Mondo: Templo, la Konscienco; Penso, la Homaro; Preĝo, la plenumita Devo!

---

## NOVA TRIUMFO DE H. E. A.

**La Nacia Patronaro por Turismo jus decidis doni al Hispana Esperanto-Asocio 2500 pesetojn por esperanta laboro al Turismo. La Asocio tuj entreprenos laboron por elpruvi al la Nacia Patronaro por Turismo la utilon de Esperanto al ĉi tiu afero, kaj antaŭ ol malmulte da tempo la elpruvo estos farita. Dezirinde estas, ke ĉiuj gazetoj diskonigu ĉi novajon, kaj ke Naciaj Asocioj, Fakaj Asocioj kaj Esperantistaj Grupoj, sin turnu al**

**PATRONATO NACIONAL DEL TURISMO**
**Strato Medinaceli, 2**
**MADRID (HISPANIO),**

**gratulante kaj petante duoblan senpagan specimenon el la esperantaj eldonotaĵoj. Estus konvene, ke la dokumentoj estu subskribitaj de la estroj kaj stampitaj oficiale, kaj samtempe, ke ili sin turnu al Hispana Esperanto-Asocio (Oficejo) Strato Chinchilla, 2, Madrido (Hispanio), komunikante, ke ili samdate gratulas la Nacian Patronaron por Turismo kaj petas senpagan duoblan specimenon el la eldonotaĵoj.**

**Certe la tutmonda samideanaro koncios la gravecon de nia celo, kaj de la plenumo de nia peto dependas, ke la hispana oficiala ŝtata Organizaĵo por Turismo alprenu Esperanton. La eldonotaĵoj estos tre interesaj priskriboj kun multenombraj belaj ilustritaĵoj, kaj ili supermezure kompensos la poŝtelspezojn por komplezi kaj helpi nin al plej granda sukceso.**

## LA DU BATALOJ

Sperta kaj kuraĝa militestro komandas soldataron, bataladas kaj fine venkas. Sur la batalkampo restas senvivaj homoj kaj bestoj laŭ terura miksaĵo kun ĉiaj restaĵoj kaj ruboj. La militestro triumfis; la venko estas lia, kaj ĉio okazis preskaŭ fulme.

* * *

La patrino, per memoferema heroeco, vartas kaj nutras la filon. Ŝi atenteme subtenas lin dum liaj unuaj paŝoj; ŝi eĉ instruas lin dum la unuaj jaroj; ŝi lin gvidas ĝis kiam la infano povas iom sin regi; ŝi helpas eksterordinare la laboron de la instruistoj por klerigi kaj eduki sian filon; ŝi neniam laciĝas koncerne sian filon. Ŝia batalo estas longedaŭra, malrapida, peniga; ŝia batalo celas liberigi la filon el sovaĝa atako de tuta mondo blinde, senripoze, nelacigeble batalanta. La angora vivo de la patrino estas kruela, silenta, supermezure memoferema. Fine, la vera heroino de la Homaro sukcesas meti sian filon ĉe la unuaj vicoj de la homoj; tiam la patrino vidas sian triumfon, sed ŝi jam estas kaduka, ĉar la jaroj pasadis maljunigante ŝin eĉ malfortigante ŝin tiamaniere, ke ŝi apenaŭ havas energiojn por aliri al sia filo kaj lin brakpremi.

* * *

La militestro gajnas la batalon kaj akiras teritorion sematan el blasfemoj kaj doloroj; tamen, li vivas ĝuante la venkon.

La patrino alvenas al la fino de sia vivo tute neatentite, kiam ŝi donas al la Homaro sanan, fortan, kapablan viron, kaj la Homaro eĉ ne ŝin dankas, kvankam estas evidente, ke sana, forta kaj kapabla viro estas produktita de patrino sciinta kaj praktikinta plej altajn, glorajn, homamajn devojn!

---

## —o— LA «MIKROMEGAS» —o—

—Ho, inteligentaj atomoj, en kiuj la Eternulo volis montri sian arton kaj povon! Sendube sur via globo vi havas ĉastegajn ĝuojn, ĉar, havante tiel malmultan materion kaj ĉiuj ŝajnante spiritoj, vi uzas sendube vian vivon por ami kaj pensi, tio estas, por praktiki la veran vivon de la spiritoj!

Aŭdinte tion, ĉiuj filozofoj suprenmovis siajn ŝultrojn, kaj unu el ili, pli naiva, konfesis sincere, ke, krom malmultenombraj loĝantoj, malmultege estimataj, ĉiuj estas aro da malbonuloj, malfeliĉuloj kaj frenezuloj:

—Ni havas pli da materio, ol estas necesa, por agi malbone, se la

malbono devenas de la materio; kaj pli da intelekto, se ĝi devenas de la spirito. Ekzemple, ĉu vi scias, ke nun cent mil frenezulojn de mia speco, kiuj surportas ĉapelojn estas mortigantaj cent mil estaĵojn, kiuj kovras siajn kapojn per turbanoj, kaj reciproke, kaj ke tio estas kutimo en la tuta terglobo de nememorigebla tempo?

La *Sirio* teruriĝis, kaj demandis la kialon pri tiaj kruelegaj hombuĉadoj, tiel malindaj. La filozofo diris:

—Tio estas pro terpecetoj grandaj kiel via piedo, kaj ne pro tio, ke eĉ unu el pereantoj milope postulas, eron el la peceto; oni traktas scii ĉu ili devas aparteni al iu homo, kiun oni nomas Sultano, aŭ al alia nomata Cezaro, mi ne scias kial. Neniu el la du vidis iam la disputatan teron, kiu kaŭzas la batalon; preskaŭ neniu el batalantoj konas tiujn, kiuj ordonas mortigi.

—Malfeliĉaj—ekkriis la *Sirio* indignite—kiel mi povis imagi tiun furiozan frenezaĵon? Mi ekintencas marŝi tri paŝojn, kaj, per tri piedbatoj, detrui tian amasegon da abomenindaj mortigistoj.

—Ne ĝenu vin pro tio—respondis la filozofoj—ĉar la homo ja troe klopodas por sia ruino. Sciu, ke post dek jaroj ne restos kun vivo dekono el tiuj mizeruloj, kaj ke, eĉ ne eltirinte la glavon, preskaŭ ĉiuj mortos pro malsato, pro laciĝo aŭ pro malsobreco: ili ne meritas punon, ĉar ĝin meritas tiuj malkompatemaj mallaboremuloj, kiuj de sia ĉambro ordonas, dum ili digestas, mortigi milionon da homoj, kaj, poste, solene dankas Dion.

F. M. A. DE VOLTAIRE

Trad.: F. REDONDO

---

**KURIOZAĴOJ**

## LA DEKORDONARO DE LA BUDISTOJ

Jen la dek ordonoj de la buda religio:

1ª Ne mortigu.
2ª Ne ŝtelu.
3ª Ne forniku.
4ª Ne mensogu.
5ª Ne malkovru la sekretojn de via similulo.
6ª Ne deziru la morton de via malamiko.
7ª Ne deziru la malproprajn riĉaĵojn.
8ª Ne eldiru maldecajn aŭ insultajn vortojn.
9ª Ne estu mallaborema nek molecema.
10ª Ne ricevu donace oron nek arĝenton.

## PETO DE ARBO

Ci, kiu pasas kaj levas viajn brakojn kontraŭ mi: antaŭ fari al mi malbonaĵon, rigardadu min atenteme.

Mi estas la varmo de cia fajrujo dum la malvarmaj noktoj de la vintro.

Mi estas la amika ombro, kiu cin ŝirmas kontraŭ la suno de aŭgusto.

Miaj fruktoj satigas cian malsaton kaj cian soifon.

Mi estas la trabo subtenanta la tegmenton de cia hejmo, cia tablo; la lito por cia ripozo.

Mi estas la tenilo de ciaj laboriloj, la pordo de cia domo. Kiam ci naskiĝas, mi donas lignon por cia lulilo; kiam ci mortas, mi, tiam ĉerko, eĉ akompanas cin en la internaĵon de la tero.

Mi estas pano de boneco kaj floro de beleco. Se ci min amas, laŭ mi meritas, defendu min kontraŭ la malsaĝuloj!

(*El hispana gazeto «Helios»*).

## ENLANDA KRONIKO

*Palma de Mallorca.*—Nova kurso malfermiĝis en la sidejo de la Grupo. La gazetaro ĉiusabate aperigas rubrikon pri esperanto.

*Orihuela.*—Nia samideano Francisko Zaragoza, helpanta profesoro por franca lingvo en la Instituto, malfermis ankaŭ kurson de esperanto, kiun partoprenas multenombraj studentoj.

*Ferrol.*—S-ro Oliván kaj ĉi tieaj samideanoj daŭrigas viglan laboron.

*Orense.*—S-ro Emilio Amor Rolán viglege daŭrigas la kursojn.

*Madrid.*—Nova kurso malfermiĝis por telegrafoficistoj. La kurso por geinstruistoj disvolviĝadas plensukcese en la Ateneo, ĉar la gelernantoj rapide spertis pri granda utilo de la lingvo en la lernejoj; tial ili sin decidis peti al H. E. A. broŝurojn «¿Qué es el Esperanto?» por tuj malfermi kursojn en siaj respektivaj lernejoj. Tiel baldaŭ tiu ĉi kurso multobliĝos promesante abundan frukton.

*Gijón.*—La Astura Esperanto Asocio daŭrigas sian viglan laboron per kursoj kaj faktoj fratigaj, kiel festeno okazinta la 1an de la ĵus pasinta januaro. Ĝi festos la XXIV Pentekostafeston de sia fondo je la dimanĉo 4ª de junio proksima.

Ĝi elektis la novan estraron, kiu konsistas el S-ro Francisko Menéndez Rúa, prez.; S-ro Emilio Tuya García, vicprez.; S-ro Juan

Antonio Zarracina, ĝenerala sekr.; S-ro Salvador García García, sekr.; S-ro Enrique Mengod Girona, reĝisoro; S-roj D-ro Francisko Frutos, D-ro Calisto Rato Roces, Joaquín González Rodríguez, Fernando García Roza, Adolfo Mori Fernández, Florencio Villa García kaj Gerardo Menéndez Marina, konsilantoj.

*Córdoba.*—Grava okazintaĵo estis parolado kaj elpruvanta leciono faritaj, lundon 30an de la ĵus pasinta januaro, en la salono de la Instituto por duagrada instruado, de la germana instruisto S-ro Alinger Ajo, de Karlsruho, kiu ĵus trafis Hispanujon kun la celo instrui esperanton kaj perfektiĝi pri hispana lingvo. Lin prezentis nia samideano S-ro Azorín, nia ŝatata pioniro, kaj tuj la germana profesoro ekparolis esperante pri la lingva ĥaoso en Eŭropo. S-ro Azorín tute fidele tradukis la partojn de la parolado de tempo al tempo.

Prave argumentis la parolinto pri neebleco akcepti nacian lingvon, kaj ne malpli prave li elpruvis kiel doktoro Zamenhof bazigis sian lingvon sur la radikojn kiuj estas komuna fundamento de la eŭropaj lingvoj; kiel doktoro Zamenhof studadis la naturajn leĝojn pri la evoluado de la lingvoj, kaj, kolektante ilin laŭ sistemo simpla kaj facila, li aplikis sukcese praktike la sistemon: tiel Esperanto estas mallongigo kaj sintezo de la grandaj eŭropaj lingvoj.

Ankaŭ la profesoro vidigis la idealon, kiun entenas Esperanto, la «*senton*» fratigantan la homojn; pro kio ĉi tiu lingvo havas gravan socian rolon, starigante tra la tuta mondo reton el pacamantoj. Pri la milito, li vidigis la teruraĵojn de la bataloj, kiujn li spertis, akcentante ke Esperanto estas vera kaj efika pacigilo, pro kio, ĉiu pacamanto devas nepre studi kaj praktiki kaj disvastigi Esperanton.

Mallonga leciono, vera provo sukcesinta, sekvis la paroladon; kaj ĉiuj ĉeestantoj sekvis atenteme kaj kontente la klarigojn, kaj ili eĉ ĥore respondis laŭ facilaj demandoj de la profesoro. Tial kurso estis malfermata, kiu disvolviĝados ĉiutage dum tri semajnoj, je la sesa kaj duono vespere, en aŭlo de la Instituto.

Profitante la ĉeeston en Córdoba de S-ro Ajo kaj de alia lia kamarado germana, certe ili aŭ unu el ili klarigos la kurson por geinstruistoj organizitaj de H. E. A.

